**BRAZILA ESPERANTISTO** *OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO*

# BE




Nacia kaj Internacia Kulturoj
brazilaesperantisto@esperanto.org.br

97-a jaro
N-ro 329
Okt/Jul 2005
R$ 7,00



# Sud-Riogrando

## Pionira ŝtato en la Brazila movado

Jarabontarifo / Kategorio 1: Latinam., Afriko, Ĉinio, Bharato, Orienta Eŭropo - US$ 10,00 / Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajvano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. - US$ 15,00



**Brazila Esperantisto**
ISSN 0006-9477
**brazilaesperantisto@esperanto.org.br**
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
• Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
97-a Jaro • Oktobro / Julio 2005
N-ro 329
Aperas trimonate

**Eldona Stabo**
**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**
**Respondeca Ĵurnalisto kaj Ĉefredaktoro** Emerson Werneck MG 06254 JP
**Konstantaj kunlaborantoj** Adonis Saliba, Aloísio Sartorato, Aymoré Vaz Pinto, Gacy Simas, Ísis Climany Okabe Piton, José Carlos Dorini Ramos, José Saraiva Matos, Luciano Barbosa da Silva
**Ĉi-numeraj kunlaborantoj** José Pacheco, Ivo Sanguinetti, César Dorneles
**Grafika Aranĝo** Eldona Departemento de BEL
**Revizio kaj tradukado** James Resende Piton
Redakcio ĉe BEL-sidejo - Telefono: 55 (61) 226 9433

Abonebla ĉe UEA kaj ELNA

Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907

**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 301/303, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, CEP 70084-970 Brasília - DF **Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

**Estraro**
**Prezidanto** Pedro Jacintho Cavalheiro
**Vic-prezidanto** Paulo Pereira Nascentes
**1-a Sekretario** Luiz Carlos Rusilo
**2-a Sekretario** Maria Cecília Milani
**3-a Sekretario** Marcelo Stoduto
**1-a Kasisto** Adonis Marcelo Saliba Silva
**2-a Kasisto** Clarimundo José Barbosa Neto



# Novaj ventoj

Ĉi tiu estas vera historia numero de nia revuo. Unue ĉar ĝi neniam antaŭe suferis tiom da ŝanĝoj je unu sola fojo. Kaj due, ĉar estas la unuafoje la dua numero de iu ĉefredaktoro de BE estas lia lasta.

Pro personaj kialoj, inter aliaj la neceso de tempo por studi, mi devas adiaŭi vin nun. Sed mi certas, ke baldaŭ alia pli bona redaktoro estos trovita kaj la revuo estos denove en sia normala kurso. Mi devas iomete "iksodiĝi" denove, sed tutcerte mi tuj revenos.

Kompreneble mi preparis kvar numerojn en ĉi tiu jaro da laboro, sed la monkondiĉoj de la Ligo malpermesis, ke ili estu eldonitaj kiel planite. Ni havis multajn planojn por la enhavo kaj formo de la revuo, sed denove mono estis la granda obstaklo. Pardonu nin.

Jen, tiu nova numero ne estas ekzakte rezulto de miaj ideoj, sed estas tio, kio eblas nun fari per la rimedoj kiujn ni havas. Precipe, ĝi reflektas la ekzaktan pensmanieron de la estraro. Do, la merito estas nur ilia. Mi esperas, sincere, ke ĉi tiu nova eldonaĵo plaĉos vin, ĉar ĉio estas farita de ni nur pensante pri vi. Do, speciale nun, je momento de novaj ventoj, ni bezonas viajn opiniojn kaj sugestojn, ĉar ni ankoraŭ ne trovis la plej taŭgan formon por plaĉi vin.

Mi volas danki al ĉiuj, kiuj helpis nin, sendinte artikolojn, sugestojn, fotaĵojn, ktp. Bedaŭrinde ni ne povis uzi ĉiujn. Sed kompreneble nia venonta ĉefredaktoro utiligos kelkajn, kvankam memvideblas, ke la spaco multe malpligrandiĝis. Tutcerte Ligo kompensos tion pere de altrangiĝo de la artikoloj. Pro tio, mi mem jam kontaktis diversajn elstarulojn por peti ilian helpon. Atendu por vidi ĉi tie ekskluzivajn tekstojn tre bonstilajn.

Mi volas ankaŭ danki al Ligo pro la oportuno labori kun la oficejanoj kaj estraranoj por tiom da tempo, kaj serĉesploradi manierojn novajn kaj allogajn por eldoni revuon. Ĝis baldaŭ, kaj bonan ŝancon al mia anstataŭul(in)o!

Kore salutas,

*Emerson Werneck*

# Pedro Jacintho Cavalheiro

*Daŭrigo de la intervjuo kun la nova prezidanto de BEL*

**Brazila Esperantisto (BE)** Kion vi pensas por la estonto de la revuo *Brazila Esperantisto*? Ĉu oni atendu multajn ŝanĝojn?

**Pedro Jacintho Cavalheiro (PJC)** Se ni konsideros "ŝanĝon" kiel "plibonigon", jes. Mi konsideras treege bona la laboron de tiuj, kiuj faris nian revuon ĝis nun. Sed, plibonigi estas nia devo. Ĉiam, ĉu ne? Estas necese ĉies partopreno kaj kunlaboro, ĉefe pere de sendado de raportoj kaj fotoj pri la lokaj eventoj tra la tuta lando. Hodiaŭ estas facile sendi tiun materialon per interreto. Faru tion! BEL volas montri en *B.E.* kiel movadas nia movado en Brazilo kaj tio dependas de ĉiuj.

Pri la aspekto de la revuo, ni atingis bonan nivelon, sed ni devas malaltigi niajn kostojn. Do, nia defio por la venonta jaro estas malaltigi kostojn sen perdo de la aspekta kvalito. Povas aperi aliaj "eliroj": temas pri Fondaĵo *"Brazila Esperantisto"* kiu ekzistas por ricevi monon por nia revuo. Se vi volos kontribui, via helpo estos bonvena. Ni ankaŭ serĉas monhelpon de entreprenoj por nia revuo.

**BE** Kio estas via plej granda revo por Esperantujo?

**PJC** Multobligi la nombron da esperanto-parolantoj, konstante, efike, bonkvalite, senĉese.

Kiel oni diras, ne efikas pafi ĉiudirekten, se ni havas malmulte da municio. BEL nun disvolvas strategion por nia landa movado kaj multe helpos niajn lokajn Esperanto-grupojn por strategie movadi.

**BE** Se eĉ la Eŭropa Unio ne adoptis esperanton, ĉu ĝi kreskos en Latina Ameriko?

**PJC** Tie ĉi ni havas grandegan landon, preskaŭ kontinenton, kiu parolas nur la portugalan. Niaj najbaroj, preskaŭ ĉiuj, parolas la hispanan, do ni havas avantaĝon kaj malavantaĝon kompare al Eŭropo.

La avantaĝoj estas, ke lingvo por ni ne estas afero tiom honora kiom por kelkaj gentoj en Eŭropo, ĉirkaŭitaj de pluraj lingvoj kaj kulturoj. Pro tio, por ili Esperanto povas ŝajni ian danĝeron. Eŭropo ankoraŭ ne adoptis Esperanton sed tio estas survoje. Nia kulturo estas rezulto de konstanta sorbado de pluraj kulturoj. Pro tio ni, brazilanoj, havas pli grandan facilecon akcepti Esperanton, kvankam ni havas malfacilaĵojn por partopreni klubojn, vojaĝi, iri al kongresoj, aĉeti librojn ktp.

Nia malavantaĝo devenas de la sama fakto: ni estas granda lando kun ununura lingvo. Do, oni ofte pensis "ho, ni ne bezonas lerni lingvojn". Sed vi demandis al mi pri la tuta Latinameriko. La samo okazas tie. La komerca alproksimiĝo kiu nun okazas, eventuale, de Brazilo kun aliaj landoj de Latinameriko, povas alporti novan lingvan paradigmon por ni. Kaj mi pensas ke tie, Esperanto trovos novan spacon.

**BE** Kial oni diras, ke la plejmulto de brazilaj esperantistoj estas eternaj komencantoj?

**PJC** Ĉar tio veras. Pri tio BEL zorgos kun speciala intereso. Ni kreos komisionon por disvolvi modelplanon por la instruado de Esperanto kaj ankaŭ doni pedagogian sigelon al altkvalitaj instruverkoj. La ideo de BEL ne estas devigi instruplanon aŭ instrumaterialon, sed oferi referencon sekuran al tiuj, kiuj volas instrui Esperanton. Alia gravega afero estas la disvolviĝo de la Esperanto-intruistoj. BEL planas organizi kursojn por instruistoj ĉar multe da E-instruistoj komencis instrui ĉar ili amas Esperanton, sed ili neniam lernis pedagogian fakon. Ili volas sed ne scias, kiel instrui. Tio ŝajnas al ni agadkampo kie BEL multe povas kontribui nun.

**BE** Ĉu la nova estraro havas projektojn por disvastigi esperanton en la universitatoj?

**PJC** Jes. Ni jam komencis. En Universitato de San Paŭlo - USP oni havas plurajn librejojn en pluraj adresoj. Ni konsignis en ĉiuj librejoj de USP kelkajn Esperanto-librojn zorge elektitajn. Ni planas etendi tiun servon al aliaj universitatoj en la tuta lando. Ni ne aperas, se ni ne arigas niajn fortojn. Imagu kiel nia Ministerio vidas la instruadon de Esperanto en universitatoj hodiaŭ (izolitaj kazoj) kaj kiel vidos poste kiam ni prezentiĝos kiel preparitaj por la universitatoj. Ne sufiĉas revi pri "instruado de Esperanto en lernejoj"; ni devas plani realisme kaj agi senĉese.

**BE** Ĉu vi havas specialan mesaĝon por fini?

**PJC** Mi diras al vi, kiu legis mian intervjuon, ke vi estas ĉelo de nia institucio. Ĉu vi scias kio okazas al korpo kiam ĉelo mortas ene de ĝi? Do, partoprenu! Sendu materialon al *B.E.*, opiniu, sendu ideojn kaj precipe diru al ni kiel vi povas kontribui por nia tutlanda movado. Ni, estraranoj, pasos, sed nia LIGO daŭros. Pro tio ni laboras nun por fari FORTAN LIGON. Venu kaj partoprenu . Skribu vian nomon en la historio de Esperanto en Brazilo. Fortan brakumon al ĉiuj!



# LA ŜTATO KIE ĈIO KOMENCIĜIS

Bazita sur tekstoj de Ivo Sanguinetti kaj César Dorneles



Bonvenon al Sud-Riogrando, la lando en kiu Esperanto konatiĝis por la unua fojo en Brazilo. Tie, ĉirkaŭ 1890, S-ro Francisco Valdomiro Lorenz [Fransisko Valdomiro Lorenc], veninte el Eŭropo, portis kun si la ideon de Esperanto, ĉar poste li eldonis la "Plenan Lernolibron de la Lingvo Esperanto", la unua kiu kaptis adeptojn en nia lando.

En Porto Alegre (Gaja Haveno), la ĉefurbo de la ŝtato, la historio de la movado komenciĝis en la 2-a de septembro 1906, kiam estis fondita, pro iniciato de Christiano Kraemer, la Esperanto-Societo Sud-Riogranda.

## ALIAJ GRUPOJ

La movado esperantista en la ŝtato tuj montris sian viglecon, pere de la kreado de diversaj grupoj, kaj en la ĉefurbo kaj la landinterno. Post la fondiĝo de la societo en Porto Alegre, la sekvaj grupoj estis lanĉitaj:

*Grêmio Esperantista Everaldo Backheuser* (P. Alegre 1923); *Sud-Brazila Esperantistigilo* (P. Alegre 1927); *Esperanto-Rondeto Torquato Severo* (Dom Pedrito, 1941); *Esperantista Societo de Porto Alegre* (1945); *Esperantista Societo de Pelotas* (1947); *Esperanto-Societo de São Leopoldo* [Saŭn Leopoldo] (1951); *Esperantista Societo de Cachoeira do Sul* [Kaŝoejra do Sul] (1959); *Esperantista Societo de Santa Maria* (1959); *Esperanto-Asocio de Uruguaiana* [Urugŭajana] (1960); *Esperanto-Societo de Rio Grande* (1961); *Esperanto-Klubo de São Borja* [Saŭn Borĵa] (1975); *Grupo Esperanto kaj Frateco, en Bagé* [Baĵe']; *Torres Esperanto-Rondo* (Torres, 1998); Kaj *Gaŭĉa Esperanto-Asocio.*

## LA SPIRITO DE LA GAŬĈOJ

Sud-Riogrando estas lando de uloj kun forta vervo. Multaj sud-riograndanoj estas konataj pro sia kreemo kaj grandaj idealoj. La ŝtato estas la lando de politikuloj tre konataj en la tuta Brazilo, kiel Getúlio Vargas [Ĵetuljo Vargas], Ernesto Geisel [Gajzel], Leonel [Leonel'] Brizola, João Goulart [Ĵuaun Gulah'] kaj Pedro Simon [Simon']. Sed tie naskiĝis ankaŭ artistoj tre impresaj kaj signifoplenaj por Brazilo, kiel Elis Regina [Elis' Reĵina], Renato Borghetti [Borgeti], Mário Quintana [Marjo Kintana], Lupicínio Rodrigues [Lupisinjo Rodriges], Nelson Gonçalves [Nelson Gonsalves] kaj la duo Kleiton [Klejton] kaj Kledir [Kledir'], kies kanzono "Deu pra ti" (Adiaŭo al vi) estas eble la plej fama de tiu ŝtato. Finfine, la atletino Daiane [Dajane] dos Santos reprezentas la nova generacio de famaj sudriograndanoj, ĉar ŝi estas konata en la tuta mondo. Sed ne tiel konata kiel la super-sudriograndanino Gisele Bündchen [Ĵizele Bindŝen], kies nomo estas nuntempe komparata en famo nur al la ikonoj de Pelé kaj de la Papo Johano Paŭlo la Dua!

Anoj de Sud-Riogrando estas nomataj "gaŭĉoj", kiel omaĝo al la unuaj loĝantoj de la ŝtato. Ili estis lertaj ĉevalistoj, kiuj sin vestis kun ampleksaj pantalonoj, ĉemizoj de mallongaj manikoj kaj longaj ledaj botoj, ruĝaj tukoj ĉirkaŭ la kolo, kaj ĉapeloj kun larĝaj randoj. Sed la vero estas, ke ne ekzistas unu sola klarigo por la deveno de tiu vorto. La urugvaja verkisto Buenaventura Caviglia Hijo estis eble tiu, kiu plej profunde esploris la originon de tiu vorto, kaj trovis 36 eblecojn. Sed la lingvoj de li indikataj kiel eblaj devenoj de la vorto rangas ekde la portugala, la tupia, la gvarania, ĝis la araba, la hispana, la araŭkana, la ĉarua, la latina, la gitana, la germana, la franca, la angla, la ajmara, la hebrea, la keĉŭa kaj aliaj. Unu el la eblecoj estas la vorto "garrucho" [garuĉo], kiu difinas la portiston de "garrucha" [garuĉa] aŭ "garrocha" [garoĉa] – lanco uzita por tranĉi la krurojn de la bovaro. En la komenco la vorto "gaŭĉo" havis negativan sencon, sed nuntempe ekzistas, male, senco de fiereco en ĉiu gaŭĉo, kaj multaj kulturaj centroj, en la ŝtato kaj en la tuta lando, sin proponas plibonigi la bildon de la gaŭĉoj pri si mem kaj tiun de la aliaj brazilanoj pri la gaŭĉa ŝtato kaj kulturo. Ili estas la konataj CTG – Centros de Tradição Gaúcha (Centroj de Gaŭĉa Tradicio).

Do, la spirito de la gaŭĉo estas tio de pioniroj, de malsovaĝigantoj. Tiel, jam en la jaro 1894, S-ro Arno Phillip, de Porto Alegre, redaktoro de la ĵurnalo "Deutsche Zeitung" (Germana Ĵurnalo), skribis artikolon antaŭvidante la sukceson de la lingvo internacia.

La unua gaŭĉa esperanta grupo havis, jam en 1906, 122 anojn! Zamenhof sendis al tiu grupo la jenan poŝtkarton, tuj post ĝia fondiĝo: "Karaj Sinjoroj! Al la Esperanta Societo Sud-Riogranda mi sendas koran saluton kaj deziron de plej bonaj sukcesoj. Via Zamenhof. P.S. La titolon de Honora Prezidanto afable donacata al mi de via societo, mi akceptas kun kora danko".

## LA PIONIRO DE NIA REVUO

*S-ro Reinaldo F. Geyer estis filo de unu el fondintoj de* Casa Masson *(tradicia horloĝvendejo en Porto Alegre). Kuracisto, ĵurnalisto, anarkiisto, li fondis en 1906, kune kun aliaj samideanoj, la unuan esperantnukleon en la gaŭĉa ĉefurbo. Li estis unu el la unuaj eldonantoj de Brazila Revuo Esperantista (nuntempa Brazila Esperantisto), ekaperinta en Rio-de-Ĵanejro en 1907. Kiel kuracisto, li estis ankaŭ unu el la pioniroj en la esploroj pri sifiliso, unu el la tiamaj turmentoj.*

# TURISMO EN LA GAŬĈA ŜTATO

(adaptita de tekstoj de Ivo Sanguinetti)

Ne nur el vinberoj kaj malvarmo konsistas la kerno de la turismo en Sud-Riogrando. Brazila Esperantisto volas prezenti agrablajn alternativojn por ĉiuj, kiuj volas koni la koron de la gaŭĉa ŝtato.



**Gaja Haveno, la rideta urbo** - Porto Alegre prezentas interesan kontraston. Parto de ĝi havas grandajn konstruaĵojn kaj intensan kuilturan vivon; parto montras kampojn kaj arbarojn, kun ĝia granda lago kaj la delto de la rivero Ĵakui' – lokoj kun riĉa ekosistemo kaj granda diverseco pri faŭno kaj faŭro, kun unika pejzaĝa beleco. Estas dialogo inter kulturo kaj naturo.

Porto Alegre, ankaŭ konata kiel PoA, estis fondata la 26-an de marto 1772, kiam 60 paroj de azoraj geedzoj eniris la havenon de la estuaro de rivero Guaiba [Gŭaiba] kaj eniris la landinternon. Tiel fariĝis la unua ĉefurbo de la provinco Sankta Petro de Sud-Riogrando.

PoA ĝis nun konservas la amindumon al la granda kaj dolĉa baseno de arĝentaj akvoj nomata Gŭaiba. Tie, dum aŭtuno, montriĝas unu el la plej belaj krepuskoj de la mondo!

## Mirindaĵoj en Porto Alegre

**1. Statuo de l' lazkaptisto** - Proksime al la flughaveno de Porto Alegre, ĝi omaĝas la imponecon de la tipa gaŭĉo. Ekde 1991 ĝi fariĝis oficiala simbolo de la urbo post popola konsulto. Muldita en bronzo en 1954 de la skulptisto Antonio Caringi [Antonjo Karinĝi], ĝi estas 4m 45cm alta, kaj 3,8 tunoj peza, sur granita piedstalo de 2m 10cm. Inaŭgurita en 1958.

**2. Ponto sur Rivero Guaiba** - 23 metroj alta, ankaŭ konata kiel la trairejo "Getúlio Vargas", ĝi estas simbolo de la urbo. Kiam ŝipo estas proksima, ĉirkaŭ 200 metroj, oni faras kontakton kun la tura kontrolo. Ekfunkcias la sinalizo por la barkoj kaj aŭtomobiloj kaj, kiam sonas la sireno, haltas la trafiko kaj supreniras la moveblaj spanoj 25 metrojn longaj.

**3. Publika merkato** - Inaŭgurita en 1869. Originale kun nur unu etaĝo, kun turo sur ĉiu angulo. Pligrandigata inter 1910 kaj 1913. De luzitana kaj kolonia, ĝi fariĝis novklasika. Nun tie troviĝas 106 vendejoj kaj ĉiu speco de produktoj tipaj el Sud-riogrando.

**4. Antikva konstruaĵo de poŝtoficejo (Estonta memorialo de Sud-riogrando)** Registrita kiel historia posedaĵo en 1980. La loko kolektas dokumentojn, atestojn, objektojn, mapojn, fotografaĵojn, librojn, gravurojn, raportojn de ĵurnaloj kaj revuoj rilate al la ŝtata historio. La loko nomata Vinkelo (Cave de vinhos) oferas kvalitan gustumadon de la gaŭĉaj vinoj.

**5. Kultura domo "Mário Quintana"** - Lokiĝas en la strato Andradas, 736, en la centro de Porto Alegre. Ĝi funkcias de lundo ĝis vendredo de la 10a ĝis la 21a horo. La domo kiu entenas la kulturan domon estis la antikva Hotelo Majestic, kie la fama gaŭĉa poeto loĝis dum jaroj.

**6. Uzino de gazometro** - Lokita sur la bordo de rivero Guaiba, la Uzino estis inaŭgurita en 1928, kaj ĝia kameno 117m alta estis fermita en 1974. Nuntempe ĝi estas kultura centro. Kun 18 mil kvadrataj metroj laŭ areo, 3 aŭditorioj, 5 ĉambroj de multobla uzo, amfiteatro, 13 spacoj por ekspozicioj, krom kinejo por 156 homoj kaj la teatro Elis Regina (300 lokoj).

**7. Publika biblioteko** - Inaŭgurita en 1872, ĝi estas ekzemplo de pozitivisma arkitekturo. Ĝi enhavas la unuajn eldonojn de Machado de Assis [Maŝado de Asis'], Eça de Queirós [Esa de Kejros'] kaj Saint Hilaire [Sent Iler']. La plej antikva eldono estas la Epopeo de Farsalia, de Marcos Anneus Lucanus, eldonata en 1528.

**8. Teatro Sankta Petro** - Ĝi estas unu el la plej belaj porspektaklaj domoj de la lando. Ĝi estas ornamita per veluro kaj oro, kaj la partero estas laŭ hufofera formo. Tie okazas la plej diversaj teatraj spektakloj, dancoj kaj muzikludadoj en la gaŭĉaj noktoj.

**9. Palaco Piratini** - La sidejo de la ŝtata registaro estis inaŭgurita en 1921. Kun arkitekturo laŭ stilo Ludoviko XVI, ĝi montras la gaŭĉan trajton pere de la "Galpão Crioulo" [Galpaun Krioŭlo]. La meblaro, francstila, estis faritaj de prizonuloj de la malliberejo ĉe la Gazometro. Vastaj salonoj ornamitaj kun freskoj de Locatelli rakontas la historion de Sud-riogrando.

**10. Metropola katedralo** – En la stilo de la unua renesanco, ĝia konstruado daŭris 65 jarojn, de 1922 ĝis 1986. Inter ĝiaj plej artvaloraj statuoj estas Sankta Petro. Elstaras la impona kupolo, inspirita en verko de Mikaelo Anĝelo, el blankmarmoro, 65m alta kaj 18m laŭ diametro.

**11. Monumento al Azoranoj** - 17m alta kaj 24m longa, tiu skulpturo lokiĝas en la Azora Parko. Projektita de la skulptisto Carlos Thenius kiel omaĝo al portugalaj koloniantoj. Ĝi ŝajnas karavelo kunmetita je homaj korpoj interplektitaj, kun flugila figuro antaŭe kiu reprezentas la venkon. Marko de la plej granda urbo fondita de azoranoj en la tuta mondo.

**12. Elaĉeta Parko (Parque da Redenção [Parke da Redensaŭn']) -** Oficiala nomo: Farroupilha [Faroupilja]. La plej antikva kaj popola parko de la urbo. Ĝi enhavas 45 altvalorajn monumentojn el kupro kaj marmoro, donacitaj de diversaj landoj. Inter ili elstariĝas la Luma Fonto, farita em Novjorko, kaj la monumento al la ekspedicianto. Estas ankaŭ tie orkidejo kaj malgranda zoologia ĝardeno.



**13. Fonto Talavera de la Reĝino -** La fontano estas unu el la plej tradiciaj monumentoj de la urbo, kaj estis donacita en 1935, de la hispanoj, omaĝe al la centjariĝo de la Revolucio Faroupilja. Konstruita el ceramikaj kaheloj venintaj el la urbo Talavera de la Reĝino.

**14. Monumento al Ekspediciisto -** Lokita en la Faroupilja Parko, ĝi estis inaŭgurita en 1953, omaĝe al la Brazila Ekspedicia Trupo (FEB). Ĝi estas duobla Triumfa Arko, konstruita el granito kun skulpturoj en reliefo, kiu reprezentas la soldatojn de diversaj armeoj ĉe FEB.

**15. Brikabrako en la Elaĉeto -** Tradicia foiro en Porto Alegre, kiu okazas jam de 21 jaroj, ĉiujn dimanĉojn, en la Parko Faroupilja. La brikabrako, originale kreita por negocii antikvaĵojn, hodiaŭ havas 71 ekspoziciantojn, krom 40 plastajn artistojn kaj 10 standojn pri gastronomio: entute 350 personoj kiuj vendas de revuoj ĝis kristaloj.

**16. Planetario -** La plej granda projekto de la Federacia Universitato de Sud-riogrando. La ĉefa allogaĵo estas programoj kiuj reproduktas la fenomenojn kaj ĉielajn eventojn, projektitaj de aparato nomata Spacemaster. Ekstere ĝi sugestas raketon sur la grundo, ĉirkaŭata de ĝardenoj, suna horloĝo kaj kompaskarto. Malfermas al la publiko dimanĉe.

**17. Botanika ĝardeno –** En la kvartalo Botanika Ĝardeno. Malfermita de mardo ĝis dimanĉo, de la 8a ĝis la 17a. 43 hektaroj kun centoj da vegetalaj specioj identifigitaj kaj katalogitaj per sciencaj nomoj. Oni povas tie aĉeti plantidojn de ĉirkaŭ 100 specioj.

**18. Placo Provinco de Ŝiga -** Simbolo de amikeco inter Porto Alegre kaj la japana registaro. Ĝi similas al ĝardeno por komuna meditado de feŭdala japano en la XIVa jarcento. Triangule inter la avenuoj Plinio Milano kaj Cristóvão Colombo. Unu el la plej konservataj urbaj lokoj.

**19. Plaĝo Ipanema -** Lokita iom pli ol 10 km for de la urbcentro, en la homonima kvartalo. La nomo signifas en la tupia "akvo kiu ne taŭgas". La banloko aperis en 1931, kiam la rivero Gŭaiba ankoraŭ estis pura, pro la iniciato de inĝenieroj kaj kuracistoj, kiuj konstruis vastajn somerdomojn. En 1992 ĝi gajnis vastan trotuaron kaj, en 1994, ciklovojon.

**20. Sunsubiro en la rivero Gŭaiba -** La sunsubiro en Porto Alegre estas ankaŭ turisma allogaĵo, kiu impresas turistojn kaj inspiras poetojn kaj verkistojn. Mário Quintana, eble la plej grava gaŭĉa poeto, priskribis en poezio la mikson de koloroj kiu reflektiĝas en Gŭaiba, donante veran naturan spektaklon. La Gazometro kaj Ipanema estas taŭgaj lokoj por admiri tiun motivon de gaŭĉa fiero.

## Nepre vizitu unu aŭ kelkajn el tiuj turismaj lokoj, proksimaj al Porto Alegre:

Eble la du plej romantikaj urboj en Brazilo lokiĝas ne malproksime de Porto Alegre – Gramado kaj Canela [Kanela], kun siaj eŭropecaj vizaĝoj kaj ambiencoj. Sed ili havas ne nur tiujn florajn pejzaĝojn. Oni povas ankaŭ fari ekoturismon ĉirkaŭ la du kaj travivi aventurojn neforgeseblajn.

La Akvofalo de la Heliko (Cascata do Caracol) estas je 7km de Canela, en la samnoma parko. Ĝi estas 131 metrojn alta, kaj en la parko estas moderna strukturo, kun mirejoj, restoracioj, foiro de manartaĵoj kaj ekologiaj vojoj tra la arbaro. Oni povas ankaŭ uzi la trajnon en la Stacidomo Viva Songo (Sonho Vivo).

En la parko de la Hufumo (Ferradura) troviĝas kaniono kun 400 metrojn profunda, de kie oni vidas la rivereton Ĉasisto (Caçador). Oni povas elekti inter vojoj por 10 minutoj ĝis 2 horoj de trairado. Ĝi estas unu el la plej belaj allogaĵoj de la gaŭĉa montaro.

Por la aventuruloj, estas la malsupreniro de la rivero Sankta Maria (aŭ Paranhana [Paranjana]) en la parko de la rapidfluoj (Corredeiras), en kiu oni uzas boatojn ŝveligitajn.

Oni sugestas viziton al la Bieno Blua Monto (Fazenda Serra Azul), kun siaj lagoj, nature verda areo, sportplacoj kaj naĝejo. Tie oni povas gustumi la gaŭĉan kuirarton, iri en ĉevalo aŭ ĉareto, vidi kiel oni faras fromaĝojn kaj viziti la Centron por la Trejnado de Sovaĝaj Ĉevaloj.

En la Parko de la Sekvojoj troviĝas la unua ekologia hotelo de Sud-riogrando. Tie oni povas vidi kelkajn el la plej antikvaj arboj de la mondo, la sekvojo kaj la ginkgo biloba.

Ĵus antaŭ la Akvofalo de la Heliko, oni povas preni la teletransporton 405 m longan, de kie videblas la akvofalo kaj la valo de Lageana [Laĵeana].



## La romantika vojo

Konsistanta el 13 urboj, ĝi rezervas bonegajn surprizojn al la turistoj: emociplenaj

vojoj, kun spirhaltigajj peizaĝoj, tipaj festoj, spektaklaj ĝardenoj, bukolikaj scenoj kun kamenoj kaj panfornoj, la delicoj de la kolonia kuirarto kaj la bienaj scenejoj... Vizitu do São [Saun] Leopoldo, Novo Hamburgo [Amburgo], Estância Velha [Estansja Velja], Ivoti [Ivotŝi'], Dois Irmãos [Dojz Irmaŭns], Morro Reuter [Moho Rojter], Santa Maria do Herval [Erval'], Presidente Lucena [Lusena], Picada Café [Pikada Kafe'], Nova Petrópolis, Gramado, Canela kaj São Francisco de Paula [Fransisko de Paŭla], ĉiuj koloniitaj de eŭropanoj, kun fortaj kulturaj valoroj kaj diversaj allogaĵoj por oferi.

## La plaĝoj

Kvankam en julio estos sufiĉe malvarme, oni sendube povas viziti la plaĝojn ĉirkaŭ Porto Alegre kaj ĝui la pejzaĝon, kun altaj turoj el ŝtono, surfistoj sur la ondoj, fiŝkaptistoj sur la fiŝpunktoj, sablosurfistoj (!), konkuroj de motorciklistoj sur la plaĝo, kaj kelkfoje eĉ balonoj kaj paraŝutoj! Ĉio ĉi videblas ĉe la urbo Torres, kaj la montoj "das Furnas" kaj "do Farol". Depende de la kondiĉoj de la maro, oni povas vidi balenojn aŭ marursojn.

En la urbo Rio Grande lokiĝas interesega muzeo oceanografia (Profesoro Eliezer de Carvalho [Karvaljo] Rios), apartenanta al la Fondaĵo Federacia Universitato de Rio Grando, kie oni povas vidi dekojn da maraj bestoj preparataj por reiri al la maro, en la Centro de Resanigado de Maraj Bestoj.

## Kaj kompreneble, pri vino kaj vinberoj

Veni al Sud-riogrando kaj ne gustumi ties diversspecajn vinojn estas konsiderata grava peko. Multaj estas la urboj kie oni povas krom gustumi la vinojn, viziti la lokojn kie ili estas produktitaj kaj tuŝi la verajn vinberojn el kiuj ili estas farataj. Bona ruto por vinamantoj en Sud-riogrando estas: Caxias do Sul, Antonio Prado, Flores da Cunha, Bento Gonçalves, Garibaldi, Nova Milano, Nova Roma, São José do Ouro, São Marcos kaj Veranópolis.



### FAKTOJ PRI SUD-RIOGRANDO

Areo: 282.062 Km2
Loĝantaro: 10.726.063 (2004)
Analfabeteco: 6,3%
Ĝia reliefo prezentas tri naturajn regionojn, facile identigeblajn: montara altplano, la pampoj kaj la laga regiono.
Klimato: Subtropika
Precipaj komercaj aktivaĵoj: agrikulturo, brutbredado kaj industrio.
Precipaj produktoj: sojo (5,6 milionoj da tunoj); tritiko (905,3 mil tunoj); rizo (4,5 milionoj da tunoj); maizo (5,5 milionoj da tunoj); bovina viando (13 milionoj da bovinoj); kokinoj (10 milionoj; porkoj (3,8 milionoj). Vino (43.294.350 litroj).

## GAŬĈA GENTO

**Ivo Sanguinetti**

*Sur la regiono de pampaj stepoj, kie abundas la grandaj kamparaj posedaĵoj nomataj "Estâncias" (bienoj), la gaŭĉo estas la kamparano kiu zorgas la brutaron. Estis la jezuitoj, kiuj dum la 16a kaj 17a jarcentoj komencis la brutarbredadon en la regiono. La atakoj de la "Bandeirantes" al Misioj forpelis la religiulojn. La brutaron ŝutiĝis sur la kampoj kaj fariĝis sovaĝa. Tiu perdita brutaro, sen posedanto, allogis brutarkondukistojn el la sudoriento, kaj ili komencis denove manipuli la brutaron serĉante viandon kaj ledon por mineksplautaj regionoj. Ĉe la kunvivado kun la hispanaj jezuitoj kaj kun indiĝenoj, la gaŭĉo asimilis plurajn morojn. Inter ili la inklinon paroli indiĝenajn vortojn kiel sekviando (xarque), ledrimeno (guasca), ponĉo (poncho) aŭ palo (pala). La inklinon dormi sub libera ĉielo sur la kampo kaj trinki mateon. Neniu gaŭĉo ŝatas trinki la mateon sola. La ritualo de la ĉimarono estas grava por la etoso de koremo kaj gastemeco.*

*La ĉurasko, kiu ŝajne estis kreita de la gaŭĉoj, estas verdire heredaĵo de la indiĝenoj. Ili ĉasadis sovaĝan brutaron, rostis kaj manĝis la viandon sub libera ĉielo. La tradicio restis, sed plisimpliĝis. Ĉia festo inter la gaŭĉoj rilatas ĉiam al ĉurasko. La tipaj vestoj venigas al nuna tempo bonajn rememorojn de la pasinteco, kun gitaraj muzikoj, piedfrapadoj kaj galantaĵoj. La ĉurasko kaj la ĉimarono de la indiĝenoj miksiĝas al moroj de la eŭropaj enmigrintoj. La germanoj kunportis propran agrikulturon, la karakterizan manĝaĵon kaj la bieron. La italoj kulturadis la vinberon kaj la vinan fabrikadon, same kiel en la malnova Italio. Kaj oni ne povas eltrovi la moron de ĉiu popolo. Ĉiuj estas moroj de tiu kiu vivas hodiaŭ en la suda regiono de Brazilo.*